2-a JARO. DECEMBRO 1909. 2-a NUMERO (14).

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de Van der Biest-Andelhof, direktoro ;
Léon Champy, Frans Schoofs kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# Vivu Zamenhof !




Kvindek jaroj forflugis de la momento kiam en 1859, naskiĝis, en la rusa urbeto Bjelostoko, Ludoviko Lazaro Zamenhof, nia amata Majstro, kiun en ĉiu lando de la tero multnombraj samideanoj respektplene kaj dankeme nomas.

Dank'al lia ideala animo, dank'al lia obstina laboremo, la ideo, kiu jam pli ol ducent jarojn ĝermis en la cerbo de la plej eminentaj pensuloj de la civilizita mondo, kaj kiu ĝis nun ne sukcesis efektiviĝi, iĝis fakto.

Dank'al lia neĉesanta agemo kaj senhalta pristudado, ĉiuj homoj de bona volo povas nuntempe facile interrilati, skribe kaj parole, en ĉiuj fakoj de la homa aktiveco.

De lia plej juna infaneco, laŭ diro de la Majstro mem, la ideo, al kies efektiviĝo li laboris dum sia tuta vivo, aperis ĉe li. Neniam ĝi forlasis lin ; li vivis kun ĝi kaj eĉ li ne povis imagi sin sen ĝi.

Granda ekzemplo por ĉiuj homoj ! Dediĉi tutan vivon al la efektivigo de ideo, al la realigo de io ideala en tiu-ĉi jarcento de materialismo kaj monavido ! Dediĉi siajn fortojn, sian tempon, sian sanon, sian koron kaj sian animon : vere tio estas belega kaj admirinda tasko kaj nur malmultaj homoj en ĉiu jarcento estas penetrataj de tiel ideala sento. Efektive, la angla filozofo esprimis verajon, dirante ke « la homoj kun « karaktero estas la konscienco de la homaro ».

Certege granda estus la merito de nia kara Majstro, se li nur estus dum sia tuta vivo laborinta por donaci al la homaro la mirindan interkomunikilon kiun ĉiuj Esperantistoj korege ŝatas, uzas kaj propagandas. Sed pli granda, senlime pli granda sin montras antaŭ niaj okuloj la celado kaj la klopodoj de Doktoro Zamenhof, kiam ni ekzamenos nur dum unu momento la deveno de lia laborado, la origino de la nobla ideo al kies efektiĝo li laboris dum sia tuta vivo.

Neniu pli bone ol li mem povas klarigi al ni la tialon de la esperanta lingvo ; mi do donu al li mem la parolon, elĉerpante el lia letero al N. Borovko la jenan :

« Mi naskiĝis en Bjelostoko, gubernio de Grodno. Tiu ĉi « loko de mia naskiĝo kaj de miaj infanaj jaroj donis la « direkton al ĉiuj miaj estontaj celadoj. En Bjelostoko la « loĝantaro konsistas el kvar diversaj elementoj : Rusoj, Poloj, « Germanoj kaj Hebreoj : ĉiuj el tiuj ĉi elementoj parolas « apartan lingvon kaj neamike rilatas la aliajn elementojn. « En tia urbo pli ol ie la impresema naturo sentas la multepezan « malfeliĉon de diverslingveco kaj konvinkiĝas, je ĉiu paŝo, « ke la diverseco de lingvoj estas la sola, aŭ almenaŭ la ĉefa « kaŭzo, kiu disigas la homan familion kaj dividos ĝin en « malamikajn partojn. Oni edukadis min kiel idealiston ; oni « min instruis ke ĉiuj homoj estas fratoj, kaj dume, sur la « strato kaj sur la korto, ĉio, ĉe ĉiu paŝo igis min senti ke « homoj ne ekzistas ; ekzistas sole Rusoj, Poloj, Germanoj, « Hebreoj, k. t. p. Tio ĉi ĉiam forte turmentis mian infanan « animon, kvankam multaj eble ridetos pri tiu ĉi *doloro pro « la mondo* ĉe la infano. Ĉar al mi tiam ŝajnis ke grandaĝaj « posedas ian ĉiopovan forton mi ripetadis al mi, ke kiam « mi estos grandaĝa, mi nepre forigos tiun ĉi malbonon ».

Tiu letero pri la deveno de l'Esperanto devus esti la evangelio de ĉiu Esperantisto. Per ĝi li lernus ne nur la noblajn kialojn kiuj incitis la infanan animon de nia Majstro ellabori sian mirindan artefaritan lingvon, sed ankaŭ la obstinecon kaj la senĉesan agemon kiuj karakterizas lian vivon, kaj la multnombrajn barojn kaj haltigilojn kiujn li devis venki kaj kiuj certe estus haltigintaj viron, ne havantan tiel fortan entuziasmon, tiel bonan koron, kaj tiel grandan animon kiel nia nobla Majstro.

Cetere ni relegu nur la bone konatajn poeziajojn de nia glora jubileanto : *La Vojo, L'Espero, Preĝa Alvoko sub la verda Standardo,* k. t. p., kaj ni pli kaj pli penetriĝos de la ideo, ke Doktoro Zamenhof ne nur estas sciencplena lingvisto kaj filologo, sed samtempe granda filozofo, sentema poeto kaj antaŭ ĉio grandkora viro.

Tial do ni hodiaŭ ĝojas ; ĉar ni festas la kvindekan naskiĝmemortagon de la eminentulo, kiu oferis siajn grandvalorajn talentojn al la materia kaj morala progresado de la homaro.

Li akceptu la tutkorajn bondezirojn de la tuta Belga Esperantistaro ; li vivu, li vivadu, feliĉa kaj korkontenta, kaj li vidu ĉiame progresanta sian mirindan elpensaĵon, nian karan Esperanton !

Vivu Zamenhof !
Vivu Esperanto !

15an de Decembro 1909. B. E.

---

Poezio de L. ZAMENHOF

# LA ESPERO

Muziko de F. DE MÉNIL

*Movo de milita marŝo.*















## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Protokolo pri la komitata kunveno, okazinta en* **Antverpeno**, *la 21an de Novembro 1909, en salono de la « Taverne Royale ».*

**S-ro Van der Biest-Andelhof**, prezidanto, malfermas la kunsidon je la 10 a 3/4 matene.

Ĉeestas :

*Delegitoj de la ĝenerala kunveno* : S-roj L. Champy, Fr. Swagers, D-ro R. van Melckebeke kaj O. Van Schoor. Senkulpiĝis : S-ro Pastro Richardson.

*Delegitoj de la grupoj* : S-roj Van der Biest-Andelhof kaj Ad. Finet (Antverpena grupo esperantista) ; Fr Schoofs kaj Istace (Verda Stelo, Antverpeno) ; Fl. de Keyser (Suda Lumo, Antverpeno) ; Havermans (Berchema grupo) ; F-ino A. Guilliaume kaj S-ro O. Chalon (Pioniro, Bruselo) ; F-no B. Ledène kaj S-ro A. J. Witteryck (Bruĝa grupo esperantista) ; F-no M. Posenaer (Laboro, Borgerhout) ; S-roj J. Clerbaut (Booma grupo esperantista) ; Grégoir (Zamenhof, Bruselo) ; L. Delvaux (Karloreĝa grupo, Charleroi) ; Parotte (Esperantista grupo, Verviers) kaj Willemsen (Verda Flago, Mariaburg).

S-roj D-ro Dupont kaj J Albert (Beyne-Hensay) senkulpiĝis.

Malfermante la kunsidon, S-ro **Van der Biest-Andelhof**, prezidanto, anoncas ke pro sia malbona sanstato li intencis ne ĉeesti la kunvenon ; li nur estas veninta por ke oni ne povu konkludi el lia foresto ke li evitas la diskutadon rilate al la anoncita interpelacio de la Brusela grupo « Pioniro ».

Ĉar en la kunvenejo troviĝas kelkaj nekomitatanoj, la kunsidantaro unuvoĉe decidas, ke estonte, nur tiuj personoj povas ĉeesti la komitatan kunvenon, kiuj estas speciale invititaj de la Prezidanto.

1° *Raporto pri la lasta kunsido.*

**S-ro Champy**, sekretario, legas la protokolon pri la lasta kunveno, kiu estas aprobata sen rimarkoj.

S-ro **Delvaux** rimarkigas ke Antverpeno estas tro ekstercentra urbo por kunveni ; li esprimas la deziron ke ĉiuj kunvenoj de nun okazu en Bruselo.

**La Prezidanto** repondas ke tiun ĉi fojon li invitis la komitaton por kunveni en Antverpeno laŭ speciala deziro de S-ro Witteryck kaj kelkaj aliaj kolegoj ; estonte la komitataj kunvenoj okazos en Bruselo.

2e. — *Aliĝo de novaj grupoj.*

Oni voĉdonas pri aliĝo de sep novaj grupoj, kiuj estas unanime akceptataj. Estas la jenaj :

Verda Stelo (Lieĝo), ·Espero (Willebroek), Meĥlena grupo (Mechelen Malines), Esperanta Pioniro (Bruselo), Verda Stelo (Verviers), Genta grupo (Gent, Gand), Sereza esperantista grupo (Seraing).

S-roj Sebruyns (Gento), Scheyvaerts (Meĥleno) kaj G. Van Dyck (Willebroek) estas invitataj eniri la kunvenejon :aj partopreni en la diskutado.

F-ino Moreau (Esperanta Pioniro, Bruselo) kaj S-ro Pirnay (Verda Stelo Verviers) estis sendintaj senkulpiĝan leteron.

**La Prezidanto** diras tutkor n bonvenon al la novaj delegitaj kaj konstatas la ĉiam antaŭen irantan marŝon de la Ligo.

3° *Interpelacio de S-ro Chalon, je l'nomo de « Pioniro »*

S-ro **Chalon** legas intersekve la cirkuleron dissenditan de la Prezidanto je la 21a de Majo, la respondan leteron de « Pioniro » kaj la cirkuleron de la 2a de Junio. Li konkludas ke « Pioniro » ne alprenis novan direkton je tiu tempo kaj ke la Prezidanto malprave konsiliĝis kun la komitatanoj de la Ligo por eksigi lian grupon. Je tiu tempo « Pioniro » restis fidela al sia regularo.

**La Prezidanto** klarigas sian agmanieron, Li sin apogas sur la teksto mem de la cirkuleroj de « Pioniro » kaj opinias ke li estis prava informante, la komitatanojn, por konsiliĝi kun ili. Laŭ li estas sendube ke « Pioniro », sin okupante pri la studado de lingva projekto, kontraŭbatalanta Esperanton, ne plu agis laŭ la programo kaj la principoj de la Ligo.

Zorgeme pri sia devo, kiu altrudas lin observigi la regularon de la Ligo, li denuncis la konduton de « Pioniro ».

La tuta ĉeestantaro aprobas la agmanieron de la Prezidanto, escepte, F-ino Guilliaume kaj S-ro Chalon, delegitoj de « Pioniro ». La prezidanto kaj la sekretario ne voĉdonas.

4°. *Propono de « Pioniro » pri ŝanĝo en la regularo de la Ligo.*

La **Prezidanto** rimarkigas ke la komitato ne havas kompetentecon por ŝanĝi la regularon ; nur la ĝenerala kunveno havas tiun rajton.

S-ro **Chalon** respondas ke li nur volas esprimi la deziron ke estonte la proponataj ŝanĝoj estu klare esprimitoj en la tagordo.

5° *Konflikto kun la grupo « Pioniro ».*

S-ro **Chalon** ree provas pravigi la konduton de sia grupo ; kvankam ĝi antaŭ kelkaj tagoj akceptis la lingvon de la Delegacio kaj forlasis la Zamenhofan Esperanton, li pretendas ke « Pioniro » rajte povas resti grupo aliĝanta al la Ligo. Li opinias ke la grupoj devas resti liberaj. Li finas dirante ke eksigi « Pioniron » estus trudi punon al multaj eminentaj personoj, kiuj estas anoj de tiu grupo, kaj kiuj de longe kaj laŭdinde laboris por la ideo de la lingvo internacia.

S-ro **Swagers** demandas al S-ro Chalon ĉu li parolas je lia propra nomo aŭ ĉu li estas la interpretanto de la tuta grupo « Pioniro ».

S-ro **Chalon** certigas ke li havas la plenan aprobon de sia societo.

S-ro **Swagers** proponas la eksigon de « Pioniro ». S-roj **Delvaux** kaj **Parotte** opinias ke tia decido estas tro absoluta kaj proponas ke « Pioniro » eksiĝu propramove.

S-ro **Witteryck** ankaŭ proponas la eksigon.

Longa diskatado okazas, kiu ne sukcesas ŝanĝi ies opinion.

S-ro **Van der Biest-Andelhof** petas S-ron **Witteryck** ke li prezidu la konsidon, kiu fine pronuncas la eksigon de « Pioniro » unuvoĉe, krom F-ino Guillaume kaj S-ro Chalon ; S-roj Parotte kai Delvaux ne voĉdonas.

Konsekvence la delegitoj de « Pioniro » forlasas la kunvenejon. Antaŭ ilia foriro S-ro **Van der Biest** certigas al ili ke nur principaj aferoj agigis la komitaton, kiu neniel intencis trafi la personecon de la grupanoj de « Pioniro ».

S-ro **Van der Biest**, prezidanto, kiun la longa diskutado tre lacigis, forlasas la kunvenon ; S-ro **D-ro Van der Biest** anstataŭas lin kiel delegiton de la Antverpena grupo esperantista.

S-ro **Witteryck** daŭrigas la prezidantecon.

6° *Propono pri starigo de ekzameno pri kapableco.*

S-ro **Swagers** klarigas tiun proponon rimarkigante ke okaze de la lasta ekzameno oni konstatis ke ĝi ne sufiĉe trafis la deziratan celon. Li proponas ke oni organizu du ekzamenojn : unu pri *kapableco* kaj alia pri *profesora kapableco.* Post interdiskutado en kiu partoprenas S-roj **Witteryck, Finet, Havermans** kaj **Swagers** oni decidas principe ke estos organizataj du ekzamenoj. La speciala regularo estos pridiskutata dum la proksima komitata kunveno.

7° *Estonta agado de la Ligo pri la propagando.*

S-ro **Swagers** rimarkigas ke ĉar la reformemuloj uzas senrajte la nomon « Esperanto » por naski konfuzon kaj tiamaniere erarigi la publikon, nia Ligo devas konigi la veran situacion.

La kunsidantaro decidas, laŭ propono de S-ro **Schoofs**, ke la estraro de la Ligo prenos tiun taskon sur sin, kaj redaktos oficialan deklaracion kiu estos sendata al ĉiuj jurnaloj.

8° *Elekto de Inspektoro por viziti la belgajn grupojn.*

S-ro **Witteryck** opinias ke tia aranĝo sukcesos kuraĝigi kaj faciligi la propagandon de novaj grupoj kaj en diversaj cirkonstancoj ankaŭ de malnovaj societoj.

Diversaj parolantoj rimarkigos ke, por trafi tiun celon, ne estas necese ke oni havu specialan inspektoron. Sufiĉus ke la Prezidanto delegu unu el la komitatanoj kiu loĝas en la regiono, por viziti la grupojn. La rezultato estus la sama kaj la elspezoj multe malpli gravaj.

9° *Propono de S-ro Witteryck uzi la revuon « Belga Esperantisto » por la propagando de la Ligo.*

Pri tiu temo S-ro **Champy** rimarkigas ke « Belga Esperantisto » estas tute sendependa de la Ligo. Li tamen jam proponis ke la jurnalo enhavu propagandan aldonon, kiun la Ligo povus uzi.

S-ro **Schoofs** rimarkigas ke, uzante la eksterlandan kronikon kaj aldonante kelkajn pliajn informojn pri Belgujo, oni havos sufiĉe da teksto por presigi « Informilon » sendotan ĉiumonate al la gazetaro.

La propono de S-ro **Schoofs** estas akceptata ; por faciligi ĝian efektiviĝon ĉiuj grupoj estas petataj sendi kiel eble plej multe da informoj kaj sciigoj al la redakcio de « Belga Esperantisto ».

10° *Baloto de la Estraro de la komitato.*

La prezidanto, la du vic-prezidantoj, la sekretario kaj la kasisto estas reelektataj.

La kunsido disiĝas je la 1a 3/4.

La ĝenerala Sekretario,
LÉON CHAMPY.

# Kelkaj pensoj pri la familia edukado de la Blinduloj, dediĉitaj al la patrinoj de blindaj infanetoj

Kiel ĉarma estas sesjara infano, al kiu, de ĝia naskiĝo, patrino amega kaj inteligenta dediĉis siajn zorgojn. Ĝi estas vere la anĝeleto, de Dio en familian hejmon sendita por pliforte unuigi la gepatrojn, plivarmigi ilian reciprokan amon, por verŝi en la lacigan kaj senĉesan laboradon ion dolĉan, ion ripozigan, ion refortigan.

Tia infano estas normala ; ĝi aŭdas kaj vidas ; la fizika kaj intelekta edukado, kiun al ĝi donis plejzorge la patrino kaj la ceteraj hejmanoj, havis tiujn du sentojn por nepre necesaj motoroj. Oni povas diri, ke la normala infano lernas multege dum la unuaj jaroj de sia vivado. Sesjara, ĝi parolas sian gepatran lingvon tutsame kiel ĝin parolas ĝiaj hejmanoj ; ĝi konas la nomojn, ecojn de la plimulto da estaĵoj el sia domo kaj el ĝia ĉirkaŭaĵo ; ĝi scias la celon de grandnombro da objektoj, la kialon de grandnombro da agoj ; ĝi jam ne plu estas fremdulo en la abstrakta kaj spirita mondo ; ĝi inter la bono kaj malbono jam komencas distingi.

Nefacile estas klare difini la metodon uzatan de la patrino, kiu certe en la familia edukado ludas la ĉefan rolon. Ni povas tamen certigi, ke ŝi tiras plejgrandan profiton el la memoro, pligrandan ol el la intelekto, el la volo de la infaneto. Ŝi montras al ĝi, ŝi parolas al ĝi, ŝi ludas kaj laboras kun ĝi, ŝi preskaŭ ne rezonas kun ĝi. Ŝi komprenas, ke la intelekta rezono nur povas efiki sur jam konataj objektoj ; ŝi do sekvas la naturan ordon : la memoro konatigas, la intelekto juĝas la konaton, kaj la volo decidas laŭ la intelekta juĝo. Ĉu efektive ni ne konstatas ĉe ses-aĝ sepjaraj infanoj riĉegan memoron, nur komencantan intelekton kaj volon tre malfortan ?

En tio mi trovas la kaŭzon de la malfacileco de la unua blinduledukado. Ĉar la memoro de la normala infano estas senĉese nutrata de la patrino, kiu ĉion montras al ĝi, ŝia parolo nur akompanas aŭ sekvas la montron. La unua necesa ago de la infano estas observi. Nu tion ne povas la blindulo, kaj la patrina parolo pri nekonataĵoj estas por li senobjekta, kaj grandparte perdiĝas. La normala infano ne nur lernas per la patrina aŭ alia montro ; ĝi mem observas la tutan tagon, ĉar en la hejmo kaj ekster ĝi sin montras al ĝia okulo mil kaj mil objektoj ; ĝi demandas sian patrinon pri klarigoj, pri nomoj, aŭ ĝi juĝas mem. La blindulo nenion vidas, nenion havas por demandi al sia patrino. Kompreneble la neago de lia memoro alportas fatale la neagon de lia intelekto kaj volo ; la neago de la spirito alportas fatale la neagon de l'korpo, kiu tutajn tagojn sidas aŭ pliĝuste kuŝas sur seĝeto. Estas por li, dum liaj unuaj jaroj, vivo malintensa, senmova, estas ne vivo, estas nur ĝena vivetado.

Mi povus trovi aliajn kaŭzojn pri la malsukceso de la unua blinduledukado, se mi ilin serĉus en la nescio de multaj gepatroj, en ilia malriĉeco, tempmanko, kaj en la difektoj ne forigitaj, kiuj ordinare akompanas la blindecon. Sed mi tion ne faros, por ne trolongigi tiun artikolon ; mi montros ke estas necesa speciala edukado, kaj tio sufiĉas nun.

Ho patrinoj, kiuj jam tro priploris la malfeliĉon de viaj plikaraj infanoj, per tiuj konsideroj mi ne volas pliigi vian suferon.

Mi havas ankaŭ por vi kuraĝigajn, esperigajn vortojn. Inter la sesjaraj blinduloj estas multaj vivplenaj infanoj, kun ĉiama rideto sur la lipoj, kun ĉiama ĝojo en la koro. Ili ankaŭ estas la anĝeletoj de la hejmo, kaj poste ili alportas al siaj familioj sian parton da gloro kaj da bonstato. Sed legu, relegu kaj studu la jenan konsilaron mian ; plenumu ĝin en la edukado de viaj blindaj infanoj, kaj tiuj ĉi vin benos iam kaj dankos vin pro via inteligenta amo al ili :

1e Igu vian infanon observi kiel eble plej multe per la *fingro-palpado*, kiu devas por ĝi anstataŭi la vidpovon. Parolu multe al ĝi pri la objektoj observatoj, kaj igu ĝin paroli kaj rezoni.

2e Ne permesu, ke ĝi sidu kaj kuŝu tutajn tagojn ; igu ĝin marŝi, kuri, ludi kaj labori, kiel vi faras al viaj ceteraj infanoj.

3e Ĉe viaj instruoj, flanklasu nek la intelekton, nek la volon, sed plejzorge kulturu la memoron, ĉar intelekto kaj volo nur povas agi sur la konoj de la memoro akiritaj.

4e Neniam plendu vian infanon pro ĝia blindeco, ĉar vi ege malfeliĉigus ĝin : la ĝoja, senzorga rido de l'infano estas al ĝi almenaŭ tiom necesa, kiom estas ĝia korpa nutraĵo.

5e Ne tro dorlotu ĝin, dirante, ke ĝi estas jam sufiĉe malfeliĉa Neniam ĝin privilegiu super ĝiaj gefratoj : kiel al ili, permesu al ĝi nenion malbonan ; kiel de ili, postulu de ĝi ĝentilecon al ĉiuj kaj ĉion bonan laŭ ĝia aĝo kaj povo.

6e Prizorgu la purecon, la sintenadon, la bonmanierecon de via blinduleto ; al vidpovaj infanoj tion instruas grandparte la vido ; al blinduloj nur la parolo kaj la ofte refarata ago.

7e Korektu zorge kaj kun patrina pacienco la nervajn gestojn kaj la ceterajn malbonajn kutimojn, kiuj tre ofte devenas de la blindeco kaj povus malsukcesigi la postan socialan situacion de via infano.

8e Ne trofidu al via amo, ĉar ofte ĝi estos pli blinda ol via infano mem ; do : ne helpu tro al ĝi ; igu ĝin lerni plej baldaŭ sin vestumi, lavi, kombi, senhelpe kaj bonmaniere manĝi. k c. Laŭ ĝia povo, postulu de ĝi, kiel vi postulas de ĝiaj gefratoj, ke ĝi helpu al vi en via laboro. Tiamaniere vi ĝin antaŭgardos kontraŭ la pli malfeliĉiga difekto al blindulo propra : la apatio aŭ indiferenteco.

9e Kiam ĝi estos ses-aŭ sepjara, sendu ĝin al speciala instituto, por ke ĝi ricevu la tutan edukadon kaj instruadon, al kiu ĝi rajtas.

Se via bienhavo ne permesas al vi la por tio necesan monelspezon, tion faros por vi la kasoj de l'Interkomunumaro, de l'Stato kaj Provinco.

Por la necesaj sciiĝoj oni ĉiam povas sin turni al la direktoro de nia instituto, kiu estas samtempe la sekretario de la Patronsocieto de la Blinduloj.

Frato IZIDORO,
profesoro ĉe la Reĝa Blindulinstituto de Woluwe (Bruselo).

# El Rumanujo

Dum la monato de Aŭgusto okazis en Bukaresto esperantista kongreso, kiu kunigis grandan nombron da rumanaj, serbaj kaj bulgaraj samideanoj. S-ro GUIGLEA, sekretario de la *Rumana Esperantista Societo*, publikigis raporton pri tiu ĉi interesega kongreso, raporton el kiu, parte citante kaj parte resumante, mi ĉerpas la sekvantajn sciigojn.

Ĝi estas la unua kongreso esperantista okazinta en ĉefurbo de lando, kaj des pli ĝi estas signifa kaj interesa, ju pli oni pensas, ke ĝi estas farita en lando, kie esperanta propagando eniĝis nur apenaŭ de du jaroj kaj, ke la R. E. S. malmulte estis helpata en la aranĝoj kaj preparoj de tiu ĉi kongreso. Ankaŭ en la Esperantistaro pri ĝi malmulte oni sciis, kaj pro tio efektive ĝi ne povis ricevi ian helpon eksteran. Tamen, la kongreso estas nova ekpaŝo al pli firma novado en orienta Eŭropo : Esperanto en Rumanujo, Bulgarujo, Serbujo enpaŝas novan, fortikan kaj daŭran vojon.

La akcepto de l' Bulgaroj kaj Serboj okazis Sabate vespere, la 31an de Julio, en la Norda stacidomo de Bukaresto je la sonoj de muzikistaro, kiu ludis « La Espero » kaj je la krioj « Vivu Esperanto ! ». «Vivu la bulgaraj kaj serbaj Esperantistoj » ! La stacidomo estis plenega. Post entuziasmaj salutaj paroladoj oni aranĝiĝis en longa procesio, kun centoj da flagoj rumanaj, serbaj, bulgaraj kaj esperantistaj. Oni trapasis la ĉefajn stratojn de l'urbo kantante kaj kriante « Vivu Esperanto » !

Dimanĉon, la 1an de Aŭgusto, je la 10 1/2 matene en la salonoj « Liedertafel », la plej belaj el Bukaresto, okazis la solena malfermo de l'kongreso, kiun ĉeestis pli ol 500 personoj, per « Patro nia », dirita de bulgara pastro en Esperanto. Oni diris la salutajn paroladojn, kaj dum la kunsido alvenis gratula letero de D-ro Zamenhof, kies legadon sekvis longa aplaŭdo. Alvenis ankaŭ telegramoj de S-ino Rosa Junck, de esperantistaj societoj en Bulgarujo, de diversaj esperantistoj el la lando, k. t. p.

Posttagmeze oni vizitis la ĉefurbon kaj ĝiajn diversajn instituciojn. Vespere je la 9a, okazis granda vesperfesto teatra, muzika kaj arta, kies sukceso estis granda. Ĥoro de Esperantistoj kantis «*La Espero*» de DE MÉNIL kaj aliajn kantojn.

Orkestro de blinduloj de «Vatra Luminoasa» ludis la reĝan rumanan himnon kaj aliajn muzikajojn. Dancado fermis la vesperfeston.

La duan tagon, Lundon la 2an de Aŭgusto, komencis la laborkunsidoj de l'kongreso, kiuj daŭris matene kaj posttagmeze. Parolis multaj samideanoj pri diversaj temoj kaj post la paroladoj oni alprenis diversajn gravajn decidojn.

Mardon, la 3an de Aŭgusto, okazis la ekskurso al Sinaia, somera restadejo de la reĝa familio kaj somerurbo en montoj.

Per speciala vagonaro oni alvenis tien je la 1a posttagmeze kaj Ŝia Moŝto la Reĝino Elisabeto akceptis delegacion de 30 personoj, kondukitan de D-ro G. Robin. Ŝia Moŝto afable parolis kun ĉiu kaj demandis pri la ceteraj, kiujn Ŝi ekvidis enirantajn en la kastelo Peleŝ. Ĉe l'respondo, ke ili restas ekstere, Ŝi diris : «Do mi iros al ili». Dum interparolado, kiu daŭris 20-30 minutoj, Ŝi interesiĝis pri la esperantista movado ĝenerale, speciale inter la blinduloj. Diversfoje Ŝi respondis per esperantaj frazeroj kaj fine promesis lerni Esperanton. Kiam D-ro Robin atentigis Ŝian Moŝton pri la fakto, ke la kongreso estis malfermita per la preĝo «Patro nia» en Esperanto, ŝi nepre volis aŭdi tiun preĝon en Esperanto. D-ro Robin kontentigis Ŝin. Ĉe l'disiĝo Ŝi diris, ke okaze de nova renkonto en la venonta jaro, Ŝi parolos esperante kun la kongresanoj. Ĉe la foriro Ŝi diris esperante al ĉiuj «Ĝis la revido»!

Okaze de tiu ĉi kongreso oni povis konstati, ke la esperanta movado estas bone juĝata en Rumanujo. Tion ĉi oni konkludas laŭ la bona akcepto farita al la petoj de niaj rumanaj amikoj ĉe la Ministrejo de internaj aferoj, kiu permesis liberan trapason de la landlimo dum la kongreso je la prezentado de la kongresa karto ; ĉe la Ministrejo milita, kiu afable metis al la dispono de la esperantistoj militan oficiran lernejon de infanterio por la enloĝigo de ĉiuj kongresanoj ; ĉe la Fervoja direktejo, kiu faris rabaton de 50 % por ĉiu posedanto de la kongresa karto. Same la diversaj institucioj, muzeoj, fabrikoj, kiujn la kongresanoj vizitis, tre afable kaj amike akceptis ilin kaj aranĝis konvene, por ke ĉio estu kontentiga por ili. Fine la kongreso estis tre sukcesinta entrepreno por la Esperantista propagando ĝenerale ; pri la efiko de ĝi farita en esperanta enlanda movado ĝi signos epokfarantan daton en la historio de Esperanto en Rumanujo kaj en orienta Eŭropo.

*
* *

S-ro D-ro Robin, prezidanto de la *Rumana Esperantista Societo,* faris petskribon al Ŝia Mosto la Reĝino ELIZABETO, por ke Ŝi bonvolu doni al la R. E. S. la ekskluzivan rajton de tradukado de Siaj verkoj, kaj ke Ŝi bonvolu preni la diritan societon sŭb Sian altan protektadon. Je la 12a de Septembro S-ro Robin recevis respondon de la Reĝino, — aŭ, plibone, de nia kara samideanino, poetino CARMEN SYLVA, patrino de la malfeliĉuloj kaj de la blinduloj. La amata Reĝino skribis, ke Ŝi ambaŭ akceptas.

La entuziasmo de la rumanaj samideanoj estas nepriskribebla : ĉiuj esperantistaj societoj en Rumanujo, kiuj estas branĉoj de la R. E. S., estas nun sub la protektado de Ŝia Moŝto la Reĝino. La ĝojo estas por la tuta esperantistaro : ni devas ĉiuj festadi je tiu okazo.

Vivu nia Reĝina Samideanino ELIZABETO, vivu la poetino CARMEN SYLVA!

* * *

« Belga Esperantisto » recenzis antaŭ nelonge libreton, titolitan *la Vizio de la Poeto*.

Mi opinias ke tiu ĉi humila verketo meritas pli ol bibliografian artikoleton, pro tri precipaj kaŭzoj: pro sia aŭtorino, pro sia enhavo kaj pro la celo por kiu ĝi estas eldonata. Aliflanke mi grandplezure konstatas la talenton de la tradukinto kiu sukcesis konservi en sia tradukaĵo la sentaltecon, la freŝecon, la poetecon de l'originala teksto.

La aŭtorino estas nia respektinda samideanino la Reĝino de Rumanujo. Mi ne intencas rakonti ŝian vivon; cetere niaj gelegantoj jam konas ŝin kiel poetino, bonfarantino, protektantino de l'blinduloj kaj pri ŝia favora sintenado rilate al nia kara lingvo Esperanto.

*La Vizio de la Poeto* estas fantaziaĵo: la fama roma poeto OVIDO, antaŭrigardante la estontecon, ekvidas la « Luman Hejmon », kiun fondis antaŭ nelonge la homama ELIZABETO de Rumanujo. Ne estas eble priskribi la mirindan stilon kaj la altecon de la sentoj esprimitaj en *Vizio de la Poeto*. Alia argumento, kiu igas la verketon ankoraŭ pli rekomendinda estas la fakto, ke ĝi estas eldonata por la profito de la propagando inter la blinduloj.

D-RO AMATIDO.

---

# ESPERANTO FACILA

## Vizito de fremdlanda samideano

*Mia servistino* (flandre: tamen ŝi jam parolas iomete (1) esperante). — Sinjoro, jen estas Esperantisto, kiu deziras paroli kun vi.

*Mi.* — Kiel vi do scias, ke li estas Esperantisto?

*Mia Servistino.* — Tial ke li portas verdan steleton kiel vi.

*Mi* (enirante mian saloneton). — Sinjoro! Kio havigas (2) al mi la plezuron de via vizito?

*Samideano.* — Sinjoro Skaldo, mi havos la honoron prezenti min mem. Mi estas Jozefo Dvorak, el Prago, komercisto pri porcelenaĵoj.

*Mi.* — Mi estas tre feliĉa konatiĝi kun vi, S-ro Dvorak. Sed... ĉar mi estas tre scivola (3), kiel vi trovis mian adreson?

*Sam.* — Ho, tre simple. Mi nur venigis la belgan adresaron esperantistan de via « Centra oficejo. »

*Mi.* — Tio pruvas la sukceson de tiu nova aperintaĵo (4). Baldaŭ ĉiu lando havos sian nacian adresaron, kaj tiel Esperantistoj ĉie trovos amikojn kaj hejmon.

*Sam.* — Ofte vojaĝante, mi mem jam ege profitis pro la peresperantaj interrilatoj.

*Mi.* — Mi supozas, ke vi vojaĝas afere (5) ?

*Sam.* — Jes, S-ro, tamen, se mi povas kunigi plezuron kaj utilon, mi ĉiam faras tion.

*Mi.* — Ĉu mi do povas utili al vi por via komerco ?

*Sam.* — Eble. Mi deziras ricevi tre kredindan (6) informon pri iu ĉi tiea firmo. Ĉu vi konas la ekspediston Krokstin & K-o ?

*Mi.* — Ne, S-ro, sed nia samideano Gubluto, kiu loĝas proksime de tie ĉi, okupas sin pri ekspedaĵoj kaj certe povos helpi vin. Ĉu ni volas tuj iri kune al li ?

*Sam.* — Vi estas tre servema (7), S-ro, sed ni havos tempon sufiĉan. Mi restos tri tagojn en via urbo.

*Mi.* — Tiam vi havos la okazon ĉeesti la morgaŭan kunsidon (8) de nia esperantista grupo ; tie vi vidos mian amikon.

*Sam.* — Plezurege, S-ro, se vi volas ebligi tion al mi.

*Mi.* — Kaj samtempe mi prezentos vin al aŭstra poeto. Via samlandano estas unu el la plej respektindaj anoj el nia grupo. Li elparolas Esperanton, flue (9) klare, mirinde... kiel vi, S-ro Dvorak.

*Sam.* — Vi certe volas flati min, S-ro ! Mi nur penas elparoli Esperanton tiel kiel mian gepatran lingvon. Ĉu nia aŭstra poeto kelkfoje deklamas siajn versaĵojn dum via kunsidoj ?

*Mi.* — Certe ! Li ofte havigas al mi noblan ĝojon.

*Sam.*— Ho, tio estas tute ĉarmplena. Poezio estas la dia (10) vino de la vivo ! Poezio estas rimedo kontraŭ....

*Mi.*—Ciuokaze, ne kontraŭ soifo, S-ro Dvorak ! Ĉu mi povas prezenti al vi glason da vino aŭ da biero ?

*Sam.* — Senkulpigu (11) min pro mia rifuzo : mi neniel trinkas alkoholaĵojn.

*Mi.* — Sed vi certe akceptos tason da teo aŭ du kafo ?

*Sam.* — Taseton da teo, se mi povas elekti. Poste, ĉar mi unuafoje (12) vizitas vian urbon, vi tre devigos min,rikomendante al mi bonan esperantan gastejon (13).

*Mi.* — Ĉu vi ne ankoraŭ elektis hotelon ?

*Sam.* —Ne, Sinjoro, mi lasis miajn valizojn en la stacidomo.

*Mi.* — Bone. Vi do unue refortigos (14) vin tie ĉi. Poste mi kondukos vin al bona hotelo. Fine ni kune faros promenadon en la urbo.

*Sam.* — Dankon ! dankon ! samideano. Pro via helpemo mi sentas min tie ĉi tute kiel hejma. Kiel nomi tian afablecon ?

*Mi.* — Aŭskultu, S-ro. Se Esperanto estus naskinta nur tiun interhelpemon (15), ĝi jam estus treege laŭdinda. Ne danku min

tiom! Tiu afableco estas ja internacia devo, ĝi estas la interna ideo, ĝi estas la animo de nia movado, ĝi estas tiel grava kiel nia bela lingvo mem. Ni nomu ĝin : *samideaneco !*

SKALDO.

**Klarigoj.** — (1) iomete : een klein beetje, un tant soit peu. — (2) havigi : verschaffen, procurer. — (3) scivola : nieuwsgierig, curieux. — (4) aperintajo : nieuwe uitgave, publication nouvelle. — (5) afere : voor zaken, pour affaires. — (6) kredinda : vertrouwbaar, digne de foi. — (7) servema : gedienstig, serviable. — (8) kunsido : zitting, séance. — (9) flue : vloeiend, couramment. — (10) dia : goddelijk, divin. — (11) senkulpigi : verontschuldigen, excuser. — (12) unuafoje : voor den eersten keer, pour la premiere fois. — (13) gastejon : gasthuis, logement. — (14) refortigi : ververschen, restaurer. — (15) interhelpemo : onderlinge behulpzaamheid, désir de s'entr'aider.

## Du bonegaj libretoj

Ĉiu esperantisto devas nepre akiri la « Belga Adresaro Esperantista por 1910 » kiu de kelkaj tagoj aperis.

La libreto (13×11) enhavas en 156 paĝoj kalendaron, la historion de Esperanto en Belglando, la regularon de la B. L. E., la kunmetadon de la honora kaj de la agada komitato de la Ligo, artikolon pri la revuo « Belga Esperantisto », la adresaron de blindaj esperantistoj, la liston de la belgaj grupoj kaj konsulejoj, fine la plenan adresaron de la belgaj esperantistoj.

La malalta prezo de la adresaro (Fr. 0.50 = Sm. 0,2) ebligas al ĉiu esperantisto ĝin aĉeti.

Sin turni al la *Centra Esperantista Belga Oficejo* (C.E.B.O.) ; Adreso : Vondelstraat (rue Vondel), 20, Antwerpen (Anvers).

—

Nia fervora kaj klera samideano S-ro A. J. Witteryck el Bruĝo, publikigis malmultekostan eldonon de la bone sukcesinta verketo « l'Esperanto pour tous », kiun nia revuo recenzis en la Oktobra numero de B. E., paĝo 183.

La libreto estas tre rekomendinda kiel propagandilo. Ĝia prezo nur estas dek centimoj ; la eldonisto konsentas doni rabaton al la grupoj.

Esperantistoj, disvastigu la broŝuron kaj aĉetu ĝin grandkvante !

## Unua internacia katolika kongreso

Laŭ la decido de la katolikaj kunvenoj dum la Barcelona kongreso, la Katolikoj el 43 diversaj landoj organizas internacian kongreson en Parizo, kiu okazos dum la Paska libertempo de 1910 (30 Marto-3 Aprilo).

Lia Ĉefepiskopa Moŝto de Parizo, permesas al Lia Sinjoro Moŝto Baudrillart, rektoro de la « Institut catholique » vizitigi de la tutmondaj kongresanoj la historie faman Abatejon de la Karmelidoj en la strato Vaugirard, kiel centran kunvenejon de la kongreso.

S-ro Pastro Richardson, vic-prezidanto de la B. L. E. prezidos la komitaton.

Por ricevi kongreskarton kaj ĉiujn detalojn, oni bonvolu sin turni al la honorinda kasistino, S-ino Baronino de Ménil, 46, Boulevard Magenta, en Parizo.

La prezo de la kongresa karto kun bela insigno estas Fr. 2,50 = Sm. 1.

---

# HUMORA RAKONTO

## La malkara vespermanĝo

### 1. Antaŭ la manĝo

*La gasto.* — Sinjoro gastigisto, ĉu mi povas vespermanĝi ĉe vi por mia mono ?

*La gastigisto.* — Certe, sinjoro. Kion vi deziras manĝi ? Unue supon ?

*La gasto.* — Jes. Mi manĝos kun plezuro bonan supon.

*La gastigisto.* — Poste pecon da bovo kun legomoj ? Kian rostaĵon vi preferas ? Ni havas bovidrostaĵon kaj ŝaf-rostaĵon.

*La gasto.* — Mi preferas la ŝafrostaĵon, kaj se vi volas doni al mi poste iom da fromaĝo kaj fruktojn por la deserto, mi manĝos kiel princo. Ĉu mi povas havi ankaŭ botelon da vino kaj tason da kafo por mia mono ?

*La gastigisto.* — Sendube, sinjoro, kaj mi havas bonegan vinon. Ĉu vi deziras ruĝan aŭ blankan vinon ?

*La gasto.* — En somero, mi preferas la blankan vinon.

*La gastigisto.* — Bonvolu sidiĝi ĉe tiu ĉi tablo, sinjoro ; la kelnero servos tuj al vi.

### 2. Post la manĝo

*La gastigisto.* — Ĉu vi bone vespermanĝis, sinjoro ?

*La gasto.* — Tre bone, sinjoro gastigisto, kaj jen estas mia mono.

*La gastigisto.* — Kiel ! Kvindek centimoj ? Vi ŝuldas al mi kvin frankojn, sinjoro. Jen la kalkulo.

*La gasto.* — Kvin frankojn ! Pardonu, sinjoro gastigisto, mi ne petis de vi manĝon por kvin frankoj, sed por mia mono. Jen ĝi, mi ne havas pli da ĝi.

*La gastigisto.* — Mi vidas ke vi estas petolulo, kaj vi meritus konatiĝi kun la polica komisario. Sed mi donacas al vi vian vespermanĝon, kaj mi eĉ aldonas moneron da du frankoj. Vi nur ne parolos eĉ unu vorton pri la afero, kaj iros alian fojon ĉe mian najbaron, la gastigiston de la « Blanka Urso ».

*La gasto.* — Via najbaro de la « Blanka Urso » ! Sed mi tagmanĝis ĉe li, kaj estas li, kiu sendis min al vi !

(El la bonega kaj rekomendinda « Cours élementaire pratique d'Esperanto d'après la « méthode directe combinée » de Michel Becker kaj E. Grosjean-Maupin. Oni legu la recenzon pri la libro en la unua jarkolekto de B. E., paĝo 116.)

## Inter avaruloj

— Du avaruloj sin renkontis.

— Mi malsaniĝis, diris unu el ili, mi havas stomakdoloron.

— Akurate kiel mi, estis la respondo ; mi venas de la kuracisto. Kaj ĉar ni ambaŭ havas la saman malsanon, mi permesas al vi transskribi la recepton, kondiĉe ke vi pagu al mi unu frankon.

## Tro naive

*Edzino.* — Diru, Franso, kion vi farus, se mi estus mortinta ?

*Edzo.* — Ne parolu pri tio, karulino, mi pensas ke mi freneziĝus.

*Edzino.* — Ĉu vi reedziĝus ?

*Edzo.* — Ho ne ! tiel freneza mi ne estus !

# PROBLEMOJ(1)

1. **Antaŭ** ĉiu el la sekvantaj vortoj, metu unu literon, por formi aliajn vortojn. La aldonitaj literoj, akrostike legitaj, donos proverbon *(sep vortoj)*. Ekz. : Muzo + a = amuzo. — Arbo + v = varbo, k. t. p.

Muzo — igi — iu — blato — ek — eliri — al — ero — melo — amo — signi — ido — do — ia — fero — rapo — rado — maro — arto — bono — inko — nu — ulo — bono — abato — ino — velo — arbo — leganta — ombro — ordo — leo — aŭ.

2. **Kunmiksaĵo.** — Jen pecoj da vortoj : ne anagramigante, konvene ordigu ilin unu post alia, kaj vi legos frazon el la Ekzercaro. (Tiu frazo enhavas 10 vortojn). Mal — mojn —

(1) Oni sendu la solvojn al S-ro Frans Schoofs, sekretario de la Redakcio, 49, Kleine Beerstraat, Antwerpen, (49, rue de la Petite Ourse, Anvers). Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 2a jarkolekto ni publikigos la nomojn de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

kaj — in — fe — ho — fe — il — li — la — li — as — ĉo — as — ĉo — ig — of — kun — te — te — dis.

3. **Enigmo.** — Kara leganto, mi prezentas al vi bestaĵon strangan, de vi ja konatan. Tiu besto sovaĝa estas samtempe malsovaĝa, eĉ karesema. Ofte laŭdinda pro ecoj, kiuj estas ja grandaj, — ĉar ĝi ĉestas zorgema kontraŭ siaj idetoj, kaj ĝi purigas nian loĝejon je malamikaj musoj, — ofte ankaŭ ĝi estas pelata, batata pro tro grandaj malecoj : ĉar tiu besto plezure ŝtelas fromaĝon, eĉ viandon, eĉ karajn birdetojn ; kaj la fripona besto, ekkaresinta, per ungoj nemalfidanton perfide vundas... Estas sufiĉe : serĉu nun. Sed ne imagu, ke ĝi estas la kato ! PLANTANO.

## DIVERSAJ INFORMOJ

**La « Eldonejo Esperanto »**, 27, Langestrasse, Leipzig, intencas krei novan propagandilon.

Unue ĝi kolektos la fotografaĵojn de nia aro, ordigos ilin laŭ la nomoj kaj presigos artefarite la bildojn kaj adresojn sur poŝtkartoj numerigotaj. Sur ĉiu poŝtkarto estos la bildoj de dek diversaj personoj laŭ alfabeta ordo.

La kartoj povos esti uzataj :

« La tuta kolekto kiel propagandaĵo, kaj por trovi tuj de iu
la bildon laŭ la nomo,
la nomon kaj adreson laŭ la bildo,
la adreson laŭ la nomo ».

« La solaj poŝtkartoj por la dissendo ».

Celante havi nur verajn samideanojn, mi akceptos nur la fotografaĵojn de la esperantistoj, kiuj samtempe sendos Sm. 1.60 = Fr. 4.— Por tiu mono ĉiu ricevos 60 poŝtkartojn, kiujn oni povos elekti el tiuj esperantistaraj kartoj. Mi ebligos la elekton per dissendo de presaĵo, kiu elmontros la nomojn de la personoj laŭ la numeroj de la kartoj.

Prenu fotografaĵon de Vi, skribu inke au stampu sur ĝin Vian adreson kaj metion legeble. Sendu ĝin kaj Sm. 1.60 al la supra adreso.

**Esperantaj Koncertoj.** — S-roj Enzo Tezetti, opera kantisto (basso buffo), Prof. Volaŝko (tenoro dramatika). S-ino Coletti (soprano koloratura) kaj S-ro Müller (pianisto) intencas doni serion da koncertoj en ĉiuj grandaj urboj el la mondo.

La programoj de la koncertoj konsistos el plej famkonataj verkoj de muzika literaturo klasika kaj moderna, kompreneble en esperanta traduko.

Estos kantataj arioj el jenaj operoj : Fluto sorĉita, Hebreino, Lohengrin, Gioconda, Otello, Tosca, Cavalleria Rusticana, k. a.

La esperantistaj grupoj kiuj sin interesas pri tiuj koncertoj estas petataj sin turni al : S-ro Enzo Tezetti, Str. Wspólna, 24/26, Varsovio (Polujo).

# BELGA KRONIKO

## GRAVA AVIZO

*Ni atendas regule antaŭ la fino de ĉiu monato novaĵojn pri la esperanta movado el la diversaj belgaj urboj kie ekzistas grupoj aŭ loĝas samideanoj.*

**50a DATREVENO DE LA NASKIĜO DE D-RO ZAMENHOF.** — En diversaj belgaj urboj tiu memorinda okazintaĵo estos tre brile festata.

La grupoj estas petataj sendi plej baldaŭ detalojn pri sia festa kunveno por ke tiuj ĉi povu esti presataj en la Januara numero de « Belga Esperantisto ».

**BRUĜO.** — La « Journal de Bruges » de la 4a de Decembro publikigis tre interesan artikolon pri « l'Esperanto dans les relations commerciales ».

Nia nelaciĝebla amiko, S-ro Witteryck, faris la 4an de Decembro paroladon pri Esperanto en la Bruĝa sekcio de la grava societo « Willemsfonds » kaj la 8an pri la sama subjekto ĉe la « Nederlandsch Verbond » en Ostendo, kie fondiĝis grupo.

Lia sukceso estis tre granda. « Belga Esperantisto » prezentas siajn tutkorajn gratulojn kaj plej sinceran dankon al la fervora propagandisto.

**BRUSELO.** — F-ino M. Moreau, vic-prezidantino, faris tre interesan paroladon ĉe la grupo « Esperanta Pioniro » pri sia vojaĝo en la belegaj insuloj Balearaj. Nia agema samideanino parolas malrapide kaj tre klare ; ŝia Esperanto estas tre korekta. Eĉ la novaj grupanoj tre bone komprenis ŝin kaj ĝuis la belan paroladon. De la 15a de Novembro, diversaj novaj membroj aliĝis la grupon.

**CHARLEROI.** — La Karloreĝa Grupo ne laciĝas bataladi por la disvastiĝo de la lingvo internacia. Ĝi jus komencis sian trian jaron de propagando per publika parolado pri la kvin ĝis nun okazintaj esperantaj kongresoj. La eminenta aŭdantaro, kiu kunvenis en la grandan salonon de la Karloreĝa Borso, multe interesiĝis pri la mirindaj progresoj de la esperantista movado, kaj entuziasme aplaŭdis la belan Zamenhof'an himnon « La Espero ».

Kiel la pasintajn jarojn, la prezidanto de la grupo faras ĉiusemajne, ĝis Pasko, en la Reĝa Ateneo, publikan kurson pri Esperanto.

La lecionoj kunigas nombron sufiĉe grandan da aŭdantoj, kaj oni plene rajtas kontentiĝi pri la sukceso de la kara afero en Karloreĝo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj.

Krom tio, la plej fervoraj grupanoj kunvenas ĉiumerkrede por perfektiĝi per diversspeca kaj tre efika ekzercado : legado, interparolado tekstklarigo k. t. p.

**WESTMALLE.** — La solena akcepto de vilaĝestro estas tute ne molofta okazantaĵo, sed la fakto fariĝas citinda se la magistrato estas esperantisto, kiel okazis la 24 an de Novembro en Westmalle, koketa vilaĝo je 20 kilometroj oriente de Antverpeno.

La festita urbestro estas S-ro D-ro Karel Cuvelier, frato de nia estimata samideano S-ro Ernest Cuvelier, farmaciisto en Antverpeno.

La tuta vilaĝo estis flagornamita kaj per multaj ĥronogramoj oni povis legi la simpatiajn bondezirojn de la Westmal-a loĝantaro. Inter tiuj, du estis esperante redaktitaj. Jen la teksto de ili :

AL LA SAMIDEANA VILAĜESTRO CION FELICAN !
DIO KIEL LA POPOLO ELEKTIS LA PACEMAN VILAĜESTRON !

« Belga Esperantisto » prezentas siajn plej korajn gratulojn al la esperantista vilaĝestro.

Vivu longe kaj feliĉe S-ro D-ro KAREL CUVELIER !

## Het Esperanto in den Vreemde

**BOHEMEN**. — Te Praag heeft op 26n, 27n en 28n Sept. jl. het 1e congres der Boheemsche esperantisten plaats gehad. De gemeenteraden van Praag en Kralovské Vinohrady hadden eene toelage gestemd. Een schoone voordracht van den hr Dr Fousek en een groote vergadering van bijna 400 Esperantisten in de heerlijke zaal van de Vruchten-Beurs, in tegenwoordigheid van vreemde afgeveerdigden en hooggeplaatste personen: ziedaar de bijzonste feiten van dit congres dat zoowel lukte en voor hetwelk wij onze samideanoj uit Bohemen gelukwenschen.

**BULGARIË**. — Onze briefwisselaar, de heer Krestanoff van Pirdop, heeft eene propagandareis gedaan door Bulgarie. Eindelijk is hij te Pleven aangekomen, waar hij een jaar zal blijven. Volgens zijne aanduidingen heeft men een esperantisch oficejo gesticht in den boekwinkel van hh. Karaivanoff & Vlahoff, uitgevers van het weekblad « *Estina* » ; dit blad heeft reeds lang zijne kolommen geopend voor het Esperanto. Op 13 November heeft de heer Krestanoff eene voordracht gehouden over Esperanto in het gymnasium van Pleven ; meer dan 150 leerlingen alsook eenige leeraars hebben ze bijgewoond. Zijn prachtige rede duurde 2 1/2 uren en had grooten bijval. Men stelde als besluit voor het Esperanto in te voeren als vrijen leergang op het programma van het gymnasium.

**COLUMBIË (Zuid Amerika)**. — Tegen einde December richten de Columbische esperantisten eene tentoonstelling in om de aandacht van het publiek van hun land op onze beweging te roepen.

— De maatschappij der Columbische esperantisten geeft te Cucuta, sedert de maand September, een blad uit « *La kolombia Stelo* »

**DUITSCHLAND**. — De Dresdener vereeniging « Esperanto » heeft het adresboek harer leden uitgegeven; het bevat de namen van meer dan 500 personen.

— Nieuwe leergangen zijn ingericht te Augsburg (voor politiebeambten), Braunschweig, Breslau, Bremerhaven, Chemnitz, Cöthen, Dantzig, Bad Elster, Frankenberg, Gera, Hamburg, Hanau (voor postbedienden) Hannover, Lippstadt, Lockwitz, Lubeck, Oldenburg, Penig, Plauen, Pelplin (voor seminaristen), Regensburg, Schweidnitz, Worms, Zoppot, enz. enz.

—Bijna in alle Duitsche groepen zal men op 15 December den vijftigsten verjaardag van Dr Zamenhof vieren.

— Het blad *Germana Esperantista*

## L'Esperanto à l'Étranger

**BOHÊME**. — A Prague s'est tenu les 26, 27 et 28 septembre dernier le 1r congrès des espérantistes de Bohême. Les municipalités de Prague et de Krelovské Vinohrady avaient alloué un subside. Une belle conférence de M. le Dr Fousek, et une grande réunion de près de 400 espérantistes dans la belle salle de la Bourse aux Fruits en présence de délégués étrangers et de personnalités de marque: voila les faits saillants de ce congrès si bien réussi et pour lequel nous félicitons nos « Samideanoj » de Bohême.

**BULGARIE**. — Notre correspondant, M Krestanof de Pirdop, a fait un voyage de propagande à travers la Bulgarie. Finalement il s'est arrêté à Pleven où il restera une année. D'après ses indications on a fondé un oficejo esperantiste dans la librairie de MM. Karaivanoff & Vlahaff, éditeurs du journal hebdomadaire « *Istina* » : ce journal a ouvert depuis longtemps ses colonnes à l'Esperanto. Le 13 nov. M. Krestanof a fait une conférence sur l'Esperanto dans le gymnase de Pleven; plus de 150 élèves y assistèrent ainsi que quelques professeurs. Cette magnifique conférence dura 2 1/2 heures et eut un grand succès. Comme conclusion on proposa d'introduire l'Esperanto comme matière facultative dans le programme d'études du gymnase.

**COLOMBIE (Amerique du Sud)**. — Vers la fin de décembre les esperantistes colombiens organisent une exporition pour attirer l'attention du public de leur pays sur notre mouvement.

— Depuis le mois de décembre les espérantistes colombiens publient à Cucuta la revue « *La Kolombia Stelo*. »

**ALLEMAGNE**. — La société dresdoise *Esperanto* vient de publier le livre d'adresses de ses membres, lequel contient les noms de plus de 500 participants.

— De nouveaux cours ont été organisés à Augsbourg (pour policiers), à Brunswick, à Breslau, à Bremerhaven, à Chemnitz, à Cöthen, à Dantzick, à Bad Elster, à Frankenberg, à Gera, à Hambourg, à Hanau (pour employés des postes), à Hanovre, à Lippstadt, à Lockwitz, à Lubeck, à Oldenbourg, à Penig, à Plauen, à Pelplin (pour seminaristes), à Ratisbonne, à Schweidnitz, à Worms, à Zoppot etc. etc.

— Dans presque tous les groupes allemands l'on fêtera le 15 décembre le cinquantième anniversaire du Dr Zamenhof.

— Le journal *Germana Esperantista*

zal met 4 bladzijden vermeerderen en regelmatig eene rubriek openen *Het praktisch leven*, in dewelke men raadgevingen over huishoudkunst, gezondheidsleer, opvoeding, reizen, toepassing van Esperanto op handel en nijverheid, enz. zal geven.

— Te Frankfurt zullen de hh. Rübsamen en Boulet, eigenaars van een gesticht voor vreemdelingen, een esperantisch gesticht voor onderwijs, vertaling, enz. openen.

**FRANKRIJK.** — De internationale Esperanto-vereeniging heeft eene fransch-esperanto brochuur uitgegeven bevattende de pleidooi voor Ferrer, uitgesproken vóór het krijgsgerecht van Barcelona door kapitein Francisco Galceran Ferrer, verdediger van den bestuurder der Moderne School.

— Te Parijs, in het middenlokaal van de theosofische vereeniging, geeft Mevrouw Dion-Trouillon een openbaren en kosteloozen leergang van Esperanto.

— Onder den titel *Een esperantische proef* en op ingeving van den heer Archdeacon, heeft het dagblad *Le Matin* een artikel in Esperanto laten verschijnen om de gemakkelijkheid der hulpwereldtaal te bewijzen.

— Wij hebben uit Lyon het nieuws ontvangen van 't huwelijk van Mejuffer Jeanne Elena Zabilon d'Her, de welgekende propagandiste, met den heer C. V. Ranraing. Onze hartelijke gelukwenschen.

— Het congres van meesters-kappers, vereenigd te Grenoble, heeft eenen wensch gestemd ten voordeele van het Esperanto en dezes invoering bij de syndikaten.

**HONGARIË.** — De hongaarsche Esperanto-beweging gaat goed vooruit. De schrijver van het esperantisch bureel ontvangt alle dagen van 30 tot 40 brieven. Men heeft reeds een bijgevoegden schrijver moeten nemen. Het gansche land neemt deel aan de beweging voor Esperanto, welke door de pers goed gesteund wordt. In de hoofdstad worden vier leergangen gegeven en te Temesvar drie. Een nationaal congres zal aanstaande jaar gehouden worden.

**KROATIË.** — Op 18n November laatst hebben de Kroatische hoogeschoolstudenten de Maatschappij der Kroatische esperantische studenten te te Zagreb gesticht.

**RUMENIË.** — Op aanvraag van de *Rumana Esperantista Asocio* heeft het algemeen bestuur der telegrafen in Rumenië aan al de bureelen van het koninkrijk laten weten, dat men voortaan telegrammen zal moeten aanvaarden in Esperanto opgesteld, zoowel in buitenlandschen als in binnenlandschen dienst.

s'augmentera de 4 pages et publiera régulièrement une rubrique « La vie pratique » dans laquelle on donnera des conseils sur l'économie domestique, l'hygiène, l'éducation, les voyages, la vie en ville et à la campagne, les ap lications de l'Esperanto au commerce, à l'industrie, etc.

— A Francfort MM. Rübsamen et Boulet, propriétaires d'un institut d'instruction pour étrangers, ouvriront un institut Esperanto pour l'enseignement, la traduction, etc.

**FRANCE.** — La société internationale espérantiste a édité en une brochure française et esperanto le plaidoyer pour Ferrer, prononcé devant le conseil de guerre de Barcelone par le capitaine Francisco Galceran Ferrer, defenseur du directeur de l'École Moderne.

— A Paris, au siège central de la société théosophique, Madame Dion-Trouillon donne un cours public et gratuit d'esperanto.

— Sous le titre « Une épreuve espérantiste » le journal « le Matin », inspiré par M. E. Archdeacon, a publié un article en Esperanto, montrant la facilité de la langue auxiliaire.

— Nous avons reçu de Lyon la nouvelle du mariage de Mlle Jeanne Hélene Zabilon d'Her, la propagandiste bien connue, avec M. C. V. Ranfaing. Nos cordiales félicitations.

— Le congrès des patrons coiffeurs, réuni à Grenoble, a émis un vote en faveur de l'Esperanto et de son introduction dans les syndicats.

**HONGRIE.** — Le mouvement espérantiste hongrois progresse très bien. Le secrétaire de l'office espérantiste reçoit tous les jours de 30 à 40 lettres. On a déjà dû lui adjoindre un deuxième secrétaire. Le pays tout entier participe au mouvement espérantiste, qui est efficacement aidé par la presse. Dans la capitale se donnent quatre cours et à Temesvar trois. Un congrès national sera tenu l'année prochaine.

**CROATIE.** — Le 18 novembre dernier, les étudiants universitaires croates ont fondé à Zagreb la Société esperantiste des étudiants croates.

**ROUMANIE.** — Sur les instances de la *Rumana Esperantista Asocio* la direction générale des télégraphes en Roumanie vient de faire savoir à tous les bureaux du royaume que dorénavant on devra accepter les télégrammes rédigés en Esperanto tant pour le service extérieur que pour les relations intérieures.

— De volgende nieuwe groepen zijn gesticht : *La Estonto*, vereeniging der leerlingen van middelbare scholen ; *Espero kaj progreso*, vereeniging voor handelsbedienden Nieuwe leergangen werden ingericht te Bukarest door Dr G. Robin, advokaat Teodorescu en Dr Eugeniu ; een leergang voor Bulgaren te Bucharest wonende zal welhaast gegeven worden door den heer Hristoskoff.

**VEREENIGD KONINKRIJK.** -- Op 27n October laatst stierf ten gevolge eener heelkundige behandeling de Generaal-Majoor G. Cox, ondervoorzitter der Britsche esperantovereeniging. Zijne spraakleer met uitleggingen over Esperanto is een uiterst merkwaardig werk. Hij maakte verschillende vertalingen van oostersche vertellingen. Zijn dood is een groot verlies voor het Esperanto.

— In den loop der maand October greep te Edimburg een esperantisch huwelijk plaats. Mejuffer J. S. Munzo, der groep van Edimburg, en Mr L. B. Lüders van Philadelphia, die hunne verloving gevierd hadden na de Dresdener congresfeesten, hebben zich voor het leven verbonden. Onze oprechte gelukwenschen.

— De Londener Club heefl gedurende de maand October het bezoek ontvangen der volgende samideanoj : de hh. Voglet van Hamburg, H. Van Etten van Parijs, G I. Clarke van Cape Town en Graham van Porto-Rico.

— Voordrachten werden gehouden te Shoreditch, Coventry, Rigby, St Albans, Torguay, Wakefield, Windermere en Glasgow.Leergangen werden ingericht te Hebden, Accrington en St Albaans.

— Te Manchester heeft het 2e Engelsch vegetarisch congres plaats gehad. 1500 personen namen er aan deel ; afgevaardigden van België. Esperantujo, Finland, Duitschland,Holland, Spanje, Zweden en Vereenigde Staten waren er op aanwezig.

**ZWITSERLAND.** -De algemeene vergadering der Zwitsersche esperantisten, te Lausanne gehouden op 9n October en volgende dagen,heeft veel bijval gehad. Een merkwaardige voordracht van dsn hr Privat, een dramatisch feest,een banket en een algemeene vergadering waren de bijzonderste gebeurtenissen van dit belangrijk nationaal conges.

— Te Geneve geeft de vereeniging der christene jongelingen wekelijks tweemaal eenen Esperanto-leergang.

— Te Bazel heeft professor Christaller vanStutgart,voor een uitgelezen publiek eene voordracht over Esperanto gehouden.

— Te Zurich is sedert einde Septembereen nieuwe leergangbegonnen.

— Les nouveaux groupes suivants ont été fondés : *La Estonto*, société de; étudiants des écoles moyennes ; *Espero kaj pregreso*, société pour employés de commerce. De nouveaux cours ont été institués à Bucarest par le Dr G. Robin,par l'avocat Teodorescu, par le Dr Eugeniu ; un cours pour Bulgares habitant Bucharest sera bientôt donné par M. Hristoskoff.

**ROYAUME UNI.**— Le 27 octobre dernier mourut des suites d'une opération chirurgicale le major-général G. Cox, vice-président de l'association espérantiste britannique.Sa grammaire et commentaires sur l'Esperanto est un ouvrage tout à fait remarquable.On lui doit plusieurs traductions de contes orientaux. Sa mort est une grande perte pour l'espérantisme.

— Dans le courant du mois d'octobre eut lieu à Edimbourg un mariage espérantiste. Mlle J. S. Munzo, du groupe d'Edimbourg, et M. L. B. Lüders de Philadelphie, qui s'étaient fiancés pendant les fêtes postcongressistes de Dresde, se sont unis pour la vie. Nos sincères souhaits de bonheur.

— Le club de Londres a reçu pendant le mois d'octobre la visite des samideanoj suivants : M. Vogler de Hambourg, M. H. Van Etten, de Paris, M. G. F. Clarke,de Cape Town et M. Graham,de Porto-Rico.

— Des conférences ont été données à Shoreditch, Coventry,Rigby, St Albans, Torquay, Wakefield, Windermere et Glasgow. Des cours ont été institués à Hebden, Accrington et St Albans.

— A Manchester a eu lieu le 2e congrès des végétariens anglais : 1500 personnes y prirent part; des délégués de Belgique, Esperantujo, Finlande, Allemagne, Hollande,Espagne, Suède et Etats-Unis y assistèrent.

**SUISSE.** — La réunion générale des espérantistes suisses, tenue à Lausanne le 9 octobre et jours suivants, a eu beaucoup de succès. Une remarquable conférence de M. Privat, une fête dramatique, un banquet et une assemblée générale furent les principaux évènements de ce mémorable congrès national.

— A Genève l'union chrétienne des jeunes gens donne deux fois par semaine un cours d'Esperanto

—A Bâle,le professeurChristaller de Stuttgart a donné devant un auditoire select une conférence sur l'Esperanto.

— A Zurich a commencé depuis fin septembre un nouveau cours.

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj (Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen).

I. **Kolekto de « le Monde espérantiste »**, 3, rue Sophie Germain, Paris.

NADINA KOLOVRAT. — *Teorio pri evolucio de kono*, (20×13) 32 pages. - Prezo : Fr. 0.50 = Sm. 0.2.

II. **Eldonoj de la internacia esperantista societo « Libera Penso »**, Imprimerie Balandra & Royer, Chalon-sur-Saone.

FRANCESCO GALCERAN FERRER.—*La Pledo por Ferrer(Le plaidoyer pour Ferrer)* (20 × 13) 16 paĝoj. Prezo : Fr. 0,15.

La proceso de Francesco Ferrer ege ekscitis la publikan opinion dum la lasta tempo.

Je tiu okazo, la vigla pledado de lia defendanto kaj samnomulo, kapitano Galceran Ferrer, estas multfoje citita ; ĝi tamen estas nekonata de multaj personoj. Tial la societo « Libera Penso » ĝin publikigis, kaj por doni al ĝi grandan, vere internacian disvastigadon, ĝi tradukigis ĝin esperante.

Mi havas antaŭ mi la tekston francan-esperantan ; la lasta provos unu fojon plie, ke Esperanto perfekte taŭgas por ĉiu fakto de la homa aktiveco, ankaŭ por leĝosciencaj aferoj.

La tradukaĵo estas tre flua.

Pri kelkaj esperantaj esprimoj uzataj de la tradukinto mi tamen havas iajn rezervojn.

Por *évènement farinto* la tradukaĵo estas *okazintaĵo* ; *dit-on-fama*, devas esti *diraĵo* ; *garçon-coiffeur* (li estas 22jara) *razistelo-razisto-helpanto* ; por *dossier-proceso* ekzistas la vorto *aktaro* ; *rango* estas malbone uzita por *ordre* (d'idées), *ordre* oni devas tradukti per *fako* ; por *perquisition-registrado*, ekzistas *traserĉi*, *esplori*.

La legado de tiu tre interesa libreto kiu ebligas la komparon de Esperanto kun la Franca lingvo, povas esti tre utila por la studado de la Zamenhofa idiomo.

III. **Verda Standardo Serio.** W. SPEAICHT & SONS, Fetter Lane, London E. C

M. INMAN. *Gulliver en Liliputlando de Jonathan Swift* (mallongigita), ilustrita de J. R. MONSELL. (19×12) 64 paĝoj. Prezo : Sm. 0.5.

La rakonto pri Gulliver, kies unua eldono aperis en 1726, estas ĉiulande ŝatata kaj konata.

F-no Inman havis la laŭdindan ideon ĝin esperantigi kaj publikigi en la koketa « Verda standardo serio ».

« Gulliver en Liliputlando » estas tre elegante presita kaj kartonbindita libreto, enhavanta 8 karakterizajn ilustraĵojn. Ciuj plezure ĝin legos, unue pro la intereso de la rakonto kaj due pro la klareco kaj la simpleco de la esperanta teksto.

IV. **Esperanto Verlag Möller & Borel.** Lindenstrasse, 18/19 Berlin.

Prof. D-ro SIEGFRIED LEDERER. — *Esperantista Poŝkalendaro por 1910*,(16×10) 252 paĝoj. Prezo : M. 0,80 = Sm. 0 4.

Tiu ĉi de la esperantistaro tre ŝatata libro ĵus aperis por la nova jaro. La tria eldono estas redaktita de S-ro Prof. D-ro Lederer-Prag jam bone konata de la germanaj esperantistoj. Zorgeme li plenumis sian redakcian taskon, celante al tio, ke la Poŝkalendaro fariĝu pli kaj pli necesega posedaĵo de ĉiu

esperantisto. Laŭ ebleco oni atentis pri la deziroj kaj konsiloj eldiritaj de la amikoj de l' Poŝkalendaro kaj kredeble, ili havos ĉiun motivon esti kontentaj. Enkondukitaj estas diversaj novaj rubrikoj kun ĝenerala intereso kaj utilo. Kun speciala zorgemo estas starigita la listo de la Esperantaj grupoj, societoj, konsulejoj, agentoj, hoteloj k.t.p., per helpo de oficialaj sciigoj, kaj ĝi estas nun kiel eble plej fidinda. La libreto estas ornamita de portreto de S ro Generalo Sebert, justa rekono de la grandaj servoj moralaj kaj materialaj, farataj al nia afero de tiu eminenta franca scienculo. — Oni senprokraste mendu la libron ĉar la eldono estas limigita kaj la lastan jaron ĝi estis elĉerpita antaŭ ol ĉiuj mendantoj povis ricevi sian ekzempleron.

V. **Eldonejo J. L. Bruyn**, Kepplerstraat, 170, Hago.

*Esperantista murkalendaro por 1910.*

Tiun murkalendaron mi sincere rekomendas ; ĝi meritas lokon en la studejo aŭ la familiĉambro de ĉiu esperantisto. La teksto estas tre diversspeca, ĉiam interesa. Forprenante ĉiutage unu folion kaj legante ĝin atente, oni ne nur havos agrablan distrajon, sed oni povus lerni senpene multajn esperantajn vortojn kaj esprimojn. AMATUS.

## Recepto por la Kristnaska Pudinjo,

*kiun en Anglujo oni kutimis manĝi en la Kristnaska Sezono.*

Materialaro por bona pudingo estas :—0.4 kilo da faruno, 30 gramoj da Kuirpulvoro Borwick (Borwick's Baking Powder), 112 gramoj da molaj paneroj, duonkilo da bovsebo, unu kilo da sekaj vinberoj, duonkilo da korintoj, duonlitro da lakto, ses ovoj, 280 gramoj da sukero, 56 gramoj da migdaloj, 0.25 kilo da kunmiksitaj konservitaj fruktŝeloj, ŝelo kaj suko de du citronoj. Purigu kaj preparu la fruktojn, k. c. Distranĉu la bovsebon tre malgranden, ankaŭ la konservitajn fruktŝelojn. Kunmiksu ĉiun eron kaj kunligu per ses ovoj kaj duonlitro da lakto. Metu en gras-ŝmiritan pelvon, kovru per ŝnure alligita tuko, kaj starigu en bolanta akvo almetitan al vaporo dum ok horoj. El *Britisch Esperantist*, Decembro 1909.

# LITERATURA PARTO

## KRISTNASKO

DE

JACOB STINISSEN. (1)

**Jacob Stinissen** naskiĝis dum la jaro 1847 en Peer (provinco Limburgo). Li akiris en 1867 la diplomon pri kapableco en la normala lernejo de Liero (Lier, Lierre), funkciadis intersekve kiel instruisto kaj de 1889 ĝis 1908 kiel inspektoro de la unuagrada lernado.

Li loĝas en Antverpeno.

Stinissen estas unu el niaj plej bonaj kaj fruktodonaj flandraj aŭtoroj. Lia verkaro estas tre ampleksa kaj distingiĝas per interesa teksto, pura lingvo, ĉarma kaj korekta stilo. Li pritraktas prefere subjektojn el la hejma kaj la lerneja vivado, rakontojn kaj poeziaĵojn por infanoj, sed ankaŭ gravajn demandojn pri pedagogio kaj edukado. Multaj el liaj verkoj travivis diversajn eldonojn.

Stinissen estas kavaliro de la Leopoldordeno kaj laŭreato de la Reĝa belga akademio. Li estas tre simpatia viro, kiu kalkulas tiom da amikoj kiom da konatuloj. AM.

(1) La ĉefideon de tiu kristnaska rakonto la aŭtoro ŝuldas al François Coppée, de la Franca Akademio.

Okazis antaŭ multaj jaroj. Estis la Kristnasko, en la tempo kiam, noktmeze, oni kantis ankoraŭ la meson de la naskiĝo.

Ĉe la nigrablua ĉielarkaĵo, ĉiuj steloj kaj steletoj estis ekbruligitaj ; feste ili alrigardis kaj signodonis ; kaj, tra la vitraĵetoj de la kampaj loĝejoj, la lampetoj briletis, kvazaŭ tiom da teraj steletoj, kiuj ameme alridetis la ĉiellumojn.

El la turo de la griza preĝejeto, la sonorilo, per sia afabla voĉo, estis vokinta la « bonevolemajn » homojn al la humila preĝa domo.

Soleneco kaj hejma ĉarmo estis samtempe en la malgranda sanktejo. La plej riĉa ornamajo de la altaro brilegis en la dolĉa lumo de nekalkuleblaj kandeloj, kiuj gaje trembrilis ĉirkaŭ la ora hostimontrilo ; el la arĝenta aromigilo elflugis bonodoraj nubetoj. Kaj dum la orgensonoj kunfluis en la tuŝantan « Adeste fideles », la infanoj, genufleksantaj sur la malmolaj benkoj, sub la gardo de la vilaĝa instruisto, pensis al la dolĉa Infaneto en ĝia mizera manĝujeto.

Sed ili pensis ankaŭ pri sia ligna ŝueto, kiun ili pretigus ĉe la fajrejo, kaj pri la belajoj kaj bongustaĵoj, kiujn la dia Infano al ili certe alportus : sukeraĵoj, marcepano, kaj diversspecaj ludiloj, ĉiu laŭ sia gusto. Tiel deziris kaj esperis la plejmultaj infanoj, kaj sciis samtempe kiel estus bonguste ĉe la festtablo, kiel agrable ĉirkaŭ la malgranda pinarbo kun lumetoj kaj oraĵoj, kun oranĝoj kaj multaj strangaj ludiletoj, inter ĉiam gajiga verdaĵo.

* * *

La malgranda Jakobo, Koĉjo kutime, estis perdinta siajn patron kaj patrinon, kaj loĝis nun ĉe sia onklino Ursulino, maljuna fraŭlino, kiu havis multe da mono, sed kapablis duigi ĉiun moneron. Pro spertado, Koĉjo ja sciis ke denove li enlitiĝos kun malsata ventreto ; sed la tutan jaron li estis saĝa, saĝa kaj laborema, hejme kaj lerneje ; kaj nun li tamen kuraĝis esperi, ke li povos pretigi sian ŝueton, sub la kameno, por ke la Infaneto ankaŭ lin ne forgesu.

La meso estis finita ; la aroma rezinfumo estis forfluginta, la lastaj orgensonoj mortiĝis sub la alta preĝejarkaĵo; kaj la plejmultaj homoj kiuj forlasis la preĝdomon, pensis dezirplene pri la festeno, kiu hejme ilin atendis : ĉi tie, kolbasbulkoj kaj vafloj kun bonodora kafo ; alie, ĉe pliriĉuloj, la grasa, trufita ansero, kun aliaj bongustaĵoj.

Du post du, en vicoj, sekvante la instruiston, ankaŭ la lernejaj infanoj eliris. Ĉe la portalo, sur ŝtona benko superita de ogiva niĉo, knabeto sidis dormante. Estis ĉarma infano, vestita per blanklana robo, kaj tute nudpieda, malgraŭ la glacia noktaero. Tamen ne povis esti almozuleto, ĉar lia vestaĵo estis tutnova kaj tiel ekzemple senmakula ; kaj tere, apud li, oni rimarkis, kunligitajn en tuko, rektangulilon, cirkelon, segilon, ĉizilon kaj martelon, kaj alian ilaron de lernanto lignaĵisto. Lia vizaĝo, dolĉe lumigita per la stelbrilo, montris esprimon de ĉiela boneco kaj dolĉeco ; kaj liaj longaj, bele buklitaj, orblondaj harbukloj formis kiel glorkronon ĉirkaŭ lia anĝela kapeto. Sed liaj piedetoj, liaj malgrandaj, rondaj, kvazaŭveluraj piedetoj, estis violkoloraj kaj bluaj pro malvarmo.

La infanoj, kiuj preskaŭ ĉiuj estis varme kovritaj kaj piedvestitaj en tiu akra sezono, indiferentege preterpasis la dormantan infaneton. Kelkaj el ili, filoj de la plejhavantaj

vilaĝanoj, rigardis tiun vagisteton kun la tuta malestimo kiun kapablas senti riĉulo por malriĉulo.

Nur la malgranda Jakobo, kiu unu el la lastaj forlasis la preĝejon, haltiĝis, profunde kortuŝata, apud la malgrandulo, kiu tiel kviete ĉi tie ekdormis. « Kiel malfeliĉe », diris al si la orfo : « tiu mizerulo sidas tie ĉe nudpieda, kaj la vetero estas tiel malvarmega. Eĉ ne lignan ŝueton li povos meti apud sin, por ke la dia Infano en ĝin ion alportu kiu dolĉigus lian mizeron ! » — Kaj Koĉjo obeis la voĉon de sia amplena koreto. Li demetis la ŝueton de sia dekstra piedo, metis ĝin flanken de la dormanta infano ; kaj kiel unukrurulo, nun per unu kruro, poste per la alia, kiel eble plej bone li rapidis hejmen.

* * *

« Jen estas la sentaŭgulo ! » tiel lin akceptis la senkora onklino ; « kaj kio fariĝis via ŝueto, malfeliĉa bubo ? » Koĉjo ne kapablis mensogi ; kaj kvankam li tremis pro malvarmo kaj malsato, sed ankoraŭ pli pro timego, li balbutante rakontis la tutan okazintaĵon. Sed la maljuna, avara virino ekridis per infera ridego : « Nu nu ! » ŝi dentgrinĉis ; « tiu sinjoro fordonas siajn ŝuojn al la almozuloj ; tio estas novaĵo. Nu, sentaŭgulo, la ŝueton kun kiu vi revenis hejmen, mi metos ĝin apud la fajrejon, kaj mi certigas al vi, ne tiun ĉi nokton ĝi estos plenigita je io, kio, je via vekiĝo, vin ne dolĉe karesos. Plie la tutan morgaŭan tagon, vi nur ricevos, panon kaj akvon. Tio lernos al vi cedi vian piedvestaĵon al iu ajn almozulo. » — Kaj la malbona virino donis al Koĉjo paron da survangoj, kiel noktkison, kaj sendis lin al la tegmentĉambreto kie staris lia mizera lit to. Malespere ploregante, la knabeto en la senlumeco pene supreniris, kaj baldaŭ ekdormis sur la kuseno, malsekigita pro liaj larmoj.

* * *

Kiam, matene, la maljunulino vekiĝis, pro la malvarmo kaj pro la seka tusado, kiu ŝin ofte incitetis, ŝi trovis ĉirkaŭ la fajrejo — ho mirindaĵo el la mirindaĵoj ! — diversajn brilantajn kaj sonorantajn ludilojn, skatoletojn plenajn je frandaĵo, kaj ĉiuspecajn multekostajn objektojn. Kaj ankaŭ la dekstra ŝueto, kiun Koĉjo estis doninta al la malgranda vagisto, nun troviĝis denove flanke de la maldekstra, kiun la ruzulino tie pretigis, kaj en kiun ŝi intencis meti la promesitan vergeton.

Kaj dum la malgranda Jakobo, pro la mirkrioj de sia onklino, alkuris, kaj per tuta sia infana simpleco miregis pro la belegaj donacoj kiujn alportis la dia Infaneto, la vilaĝa paro estro eniris, kun mirplenaj okuloj, profunde kortuŝata, anime impresata. Super la ŝtona benko apud la preĝeja pordego, ĉe la sama loko, kie, la pasintan nokton, la infano kun blanka robo, kaj nudaj piedetoj, spite la morda malvarmeco, ripozigis sian kapeton, la pastro estis ekvidinta rondon brilegantan, rondon el pura oro, kiu, en la malnova, malmola ŝtono, estis artoplene inkrustita.

Kaj ĉiuj respekte sin krucsignis ; ili komprenis nun ke la aminda, dorminta infano, kun la lignaĵistilaro apud si, estis Jesuo el Nazareto persone, kiu, unu momenton, aperiĝis, kiel li estis, antaŭ multe da jarcentoj, kiam en la dometo de siaj gepatroj, li staris ĉe la rabotstablo. Kaj ĉiuj profunde kliniĝis antaŭ tiu miraklo, kiun la Ĉielo bonvolis elfari, por rekompenci la konfidon kaj la koran amon de infano.

MARIA POSENAER
esperantigis.